# Aŭstraliaj  Esperantistoj

**Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj**

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

https://translate.google.com/

**PLENUMITA 17/11/2016 Ducentnaŭdeksesa eldono 17/11/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**





**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**




**SENDATA AL 305.** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Ekstudis pli ol **604,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# LA SPECIALECO EN VORTFARADO EN ESPERANTO.



Ofte la esperantistoj ne konscias, ke kiam oni kreas novan vorton, oni aldonas la signiferon "speciala". Tio validas ankaŭ por la afiksoj, kvankam ne ĉiam tiom forte videbla kiom ĉe ordinaraj kunmetaĵoj. Ĉe ĉi lastaj, kiel "tablotuko", estas tre klara, ke temas pri tuko speciala, speciale fabrikita aŭ uzata por tabloj. Tamen ĉe afiksoj la specialeco povas ankaŭ esti grava, kvankam ne ĉiam facile konsciebla. Bona ekzemplo estas la sufiksoj "et-" kaj "eg-". Ili ne simple signifas, ke afero estas granda aŭ malgranda; por tio oni uzu la adjektivojn granda aŭ malgranda. Ne, se mi parolas pri ekzemple "ameti" kaj "amegi", tiuj ne signifas ke mi malforte aŭ forte amas, kiun ajn, sed ke mi faras specialajn specojn de "ami", kiuj specoj estas aliaj formoj de amo. Por tiaj specialaj formoj de "ami" la etnaj lingvoj kutime havas specialajn vortojn ne necese faritajn el la radiko "ami" en tiuj lingvoj. Se "ami" estas la ĝenerala amo inter samfamilianoj kaj amikoj, "ameti" ne estas malforta amo inter samfamilianoj kaj amikoj, sed estas speciala speco de amo inter ni kaj aliaj aferoj, de homoj al bestoj aŭ al muziko aŭ al manĝaĵoj aŭ al homoj kiuj ne estas amikoj aŭ samfamilianoj. La angla uzas "to like" kaj la germana "mögen". Tiuj vortoj "mögen kaj to like kaj ameti" ne estas en la lingvo malpli gravaj ol "lieben kaj to love kaj ami", sed simple havas alian, kvankam rilatan, signifon. La samo okazas ĉe "amegi", kio ne signifas ke vi forte amas viajn samfamilianojn, sed indikas specialan, eble pli intensan, specon de la ĝenerala "ami", nome "sekse kaj erotike ami". Por ĉi tiu speco de amo la etnaj lingvoj ofte ne kuraĝas havi specialan vorton, pro religiaj kaj kulturaj malhelpoj. Do por tiu speciala speco de amo, kiu estas malsama al la amo al geamikoj kaj samfamilianoj, la etnaj lingvoj uzas kombinaĵon de vortoj, ekzemple "ami per la tuta koro" aŭ "ami eterne", aŭ ili uzas la vorton por la alia speco, nome "ami", por tiu speciala seksamo. Sed esperanto kompreneble kapablas havi sian propran vorton por tio, nome "amegi", kiu ne signifas ke oni tre forte amas ekzemple sian filon, por kio oni uzas "forte ami" aŭ ion alian. Oni do neniam, mi esperas, amegas sian filon, ja sekse, sed amas lin tre forte aŭ fortege.

La samo okazas ĉe la uzo de “et-“ kaj “eg-“ kun aliaj radikoj, sed tiuj sufiksoj ne taŭgas por ĉiuj radikoj, ĉar mankas iliaj nocioj. Uzebleco okazas ekzemple ĉe manĝi, kaj manĝeti, kiu ne signifas manĝi malmulte, sed havi neplenan manĝon inter la manĝoj. “Manĝegi” uzatas ne por multe manĝi sed por manĝi tro tiel ke la stomako ribelas iel. Pluveto ne estas malmulte da pluvo, sed speco de pluvo kun malgrandaj gutoj. La etnaj lingvoj ofte havas specialan vorton por tio, ekzemple “drizzle” en la angla, same kiel por speciala speco de tre forta pluvo, pluvego, angle “downpour”. notu ke ili ne samas al malforta pluvo, a light rain, nek al densa pluvo, heavy rain, kiuj estas normalaj pluvoj iom pli malfortaj aŭ pli fortaj.

Tableto ne estas simple malgranda tablo, sed speciala malgranda tablo uzata ekzemple apud la lito. Militego ne estas simple granda milito, kiel iam inter Japanujo kaj Ĉinujo, sed milito kun multaj nacioj. Infaneto ne estas simple malgranda infano, sed tre juna por kio la angla diras “baby”. Dometo ne simple estas malgranda domo, sed speciala speco de kutimaj malgrandaj domoj, kiel cottage en la angla. Same domego estas ‘mansion’ en la angla, ne simple a large house, granda domo. Same kuracetisto ne estas malgranda kuracisto, sed isto pri kuraci sen la oficialaj sed kun aliaj kvalifikoj, kaj kuracegisto pli studinta kiel specialisto. Same mi estas ne simpla vegetarano, sed vegetaregano, angle vegan. kaj tiel plu.

Marcel Leereveld.

Saluton!
Mi sendis al vi la foton de la partoprenintoj de nia grupo, **Esperanto-Societo de Kawasaki** okaze de la skajpa komunikado Kun Esperanto-domo en Sydney septembre.
Mi deziras okazigi skajpan kunsidon denove.
Amike,
Ikuko KITAGAWA





## Sendu vian rakonteton al AE kaj la mondo

# Elstarega (Captain Fantastic)




Antaŭ semajno mi iris kun edzino spekti la filmon *Captain Fantastic* ĉe loka kineo. Do suprizis min kiam en unu sceno du de la infanoj el la familio en la filmo komencis interbabili per Esperanto. La patro admonis ilin ne paroli Esperanton ĉar la aliaj infanoj ne komprenis ĝin. Ŝajnis, ke estis familia regulo nur paroli komprenatan lingvon kiam la tuta familio ĉeestas.



Post la filmo mi pensis, 'ĉu bona reklamo por Esperanto?' La familio certe ne estas 'normala' laŭ la normoj de Usono, de kie la filmo originis. Do ĉu alia ekzemplo de Esperanto estas lingvo por nenormaluloj (ĉu malnormuloj!?).

Mia edzino, Helen, opiniis, ke ĝi ja estas bona reklamo. Malgraŭ miaj duboj, ŝi diris ke milionoj da spektantoj ĝuos la filmon kaj rimarkos la Esperanton en ĝi.



Mi deziras spekti ĝin refoje, ĉar kiel mi diris la Esperanta babilo eksuprizis min kaj mi devis iom alkutumiĝi al la subita lingvoŝanĝo. La elparolo komence estis rapida kaj eble iom malperfekta sed ĝis mi respektos ĝin mi ne donos definitivan opinion.

Terry Manley

★★★★★★★★★★★★ http://www.bleeckerstreetmedia.com/captainfantastic

***(En junio 2016 aperis tiu ĉi filmo, ege bona laŭ la kvalifiko de IMDb, ege bona filmo kaj pro la rakonto kaj pro tio ke dum uno el la scenoj aperas Esperanto.)***

*Blonstein Neil La dialogo de Captain Fantastic pri E-o: En la filmo "Captain Fantastic" ĉ je 0:39 du fratinoj komencas paroli Esperanton. (Ili eksciis nelonge antaŭe, ke ilia patrino, kiu havis dupolusan malsanon, mortigis sin.) BEN estas ilia patro.*

**Jen la konversacio:** ★ *ESPYR Mankas al mi Panjo.* ★ *KIELYR Mi deziras, ke Panjo povu reveni hejmen ĝuste nun.* ★ ***BEN** No! No Esperanto. I am not joking.* ★ *KIELYR Domaĝe.* ★***BEN** No foreign language unless the language is spoken by all. You know the rule.* ★*VESPYR Jes, domaĝe.* ★ ***BEN** (in German) You can speak German.* ★*KIELYR Ni rajtas paroli en kiu ajn lingvo kiun ni volas.* ★ ***BEN** (in Mandarin) Or Mandarin.* ★ *VESPYR Ne gravas.* ★ ***BEN** NO ESPERANTO!* ★ *VESPYR Ne estas nia kulpo, ke vi ne povas paroli Esperanton.* *(Unu el la Komentoj el u-tubo. Raportis Roger Springer)*

( https://youtu.be/oqQ-tHVb49w?t=10 *Klaku kaj mem aŭskultu)*

★★★★★★★★★★★★

# La filmo 'Captain Fantastic' 2016 (Lingvoj: Angla-· Esperanto)




## 'Ĉu bona reklamo por Esperanto?'

**Ĉu la Esperanto-movado kapablus uzi tiun filmon por promocii Esperanton?**

**Kion ni / vi povos fari?**

Roger Springer

Reklamu viajn klubkunvenojn ĉi tie. Sendu la informon al rspring@tpg.com.au

Ne raportitaj kunvenoj rapide velkos el historio kaj memoro




# Raportitaj Baldaŭaj Esperantaj Kunvenoj

**Unue reklamu. Poste informu pri kiu venis kaj kio okazis**

**Se oni ne sendas informon al AE, tiu novaĵo ne povas aperi en AE**



## Manlio-Esperanto-Klubo

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton 10atm ĝis 12tm

Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da senpaga kafo

Venontan Sabaton. Ĉiuj bonvenaj. Amikemaj anoj! Venu Informas Roger Springer

Subtenu vian klubon. Uzu la novaĵleteron informi niajn legantojn pri la ekzisto de via klubo.

## Mirinda malkovro

Mi foje devis elteni kuŝi en skanilo, kio restas por mi teruriga sperto. Tamen pasintan dimanĉon , kiam mi aŭdis de fakulo, profesoro Adrien Owen, kiun diferencon tiu aparato povas fari por la homoj, kiuj "vivas" en vegetaĵa stato, mi rekonsideris mian vidpunkton. Laŭ tiu fakulo , la aparato permesas vidi reagojn en la cerbo de kelkaj el tiuj homoj, kvankam ili tute ne kapablas komuniki.



Post pluraj jaroj ili povas resaniĝi kaj priskribi kio okazis en la tempo, kiam ili estis konsiderataj kiel kvazaŭ mortintaj. Tiu malkovro havas nekredeblan konsekvencon. Por scii pli iru al la retejo de la radio ABC nacia programo "All in the mind".

raportas Franciska Toubale



## 3ZZZ



La matematka strukturo de sunfloro estas rimarkinda, kiel tio eblas? Antarkto estas nekredeble bela mondparto, kiel konservi ĝin kia ĝi estas? Ĉu vi estas ludanto de la elektronika ludo " Pokemon", ĉu vi estas unu el tiuj, kiuj provas malkovri pokemonojn en publikaj lokoj per ekzemple saĝtelefono?

Aŭskultante la elsendon en Esperanto de la 14a de novembro kadre de la radio 3ZZZ, vi havos la oportunon pripensi pri tiuj temoj.

Ĝojan malkovron



www.3zzz.com.au aŭ www.esperanto.com.au

Franciska Toubale